# Pola Esperantisto

## Esperantysta Polski

MONATA REVUO DE ESPERANTISTA MOVADO EN POLUJO KAJ EKSTERLANDE
MIESIĘCZNY PRZEGLĄD RUCHU ESPERANCKIEGO W POLSCE I ZAGRANICĄ

ELDONANTOJ: WYDAWCY: POLA ESPERANTISTA KLUBO & SOCIETO ESPERANTO EN KRAKÓW.

REDAKTORZY REDAKTANTOJ PROF. DR. ODO BUJWID — TAD. HODAKOWSKI

XXVII JARO NR. 6 | Redakcio kaj Administracio KRAKÓW, LUBICZ 34. Abonprezoj ktp. vidu ĉe fino de l' tekstoparto. | JUNIO 1933.


# LA VI TUTPOLA EN VARSOVIO.

En Varsovio la Kongresoj de Esperanto portas tute alian vestaĵon kaj karakteron ol ĉiuj aliaj kongresoj, ol ĉiuj esperantaj kongresoj en aliaj urboj en la mondo. Tie ĉi - kiel oni povas tion konstati - plipezas la solenoj, la pompaj manifestacioj, la ekstera propagando.

Jam sabate la Akceptejo estis sieĝita. Tie ĉi mi volus tuŝi la demandon, konstante dolorantan ĉiujn LKKojn: eĉ la samurbanoj venadas en la lasta momento. Tiamaniere la oficistoj en la Akceptejo, kiuj, eĉ sen tio, estas superŝutitaj per zorgoj pri diversaj klopodoj de eksterurbanoj, estas devigitaj kun malutilo por tiuj lastaj, forŝteli la plej tiam karegan tempon por aferoj, kiuj ja povus esti aranĝitaj almenaŭ per unu tago pli frue.

Kiu pli frue venas tiu pli profitas. Kaj tiel estis kun la Kongresanoj, kiuj venis jam Varsovion sabate matene: ili - laŭ siaj propraj rakontoj - havis belegan ekskurson tra la urbo, sub la gvido de profesiaj turismaj gvidistoj.

Vespere, dum la renkontiĝa vespero, en la Gardeneto de Philipps oni jam povis konstati ke alvenis granda nombro de gastoj. Fakto pli ol ĝojiga. Tiom pli ke ne nur kvante, sed ankaŭ kvalite ili prezentiĝis impone. Ke mi nur citu: Bujwid, Lejzerowicz, Czubryński, Ŝapiro, kaj multaj tre multaj aliaj esperantaj „eminentuloj". Ĉiuj - ne mencieblaj. Ĉe plej gajaj tonoj de la Philipsa muzik-aparataro niaj gastoj dance pasigis la unuan vesperon en nia feliĉega pro tio urbo. Kompreneble „La Espero" ne mankis en la repertuaro, kontraŭe, ĝi eĉ kelkfoje estis ripetata.

Dimanĉe matene ree ekskurso (Sro Bermann estas vere majstra aranĝanto). Kun ravoplenaj okuloj revenis la Kongresanoj.

Dimanĉe matene - la efektiva komenciĝo de la Kongreso. Kie? Ĉu povus tia granda festo komenciĝi ie alie, se ne sur la Tombo de nia Neforgesebla?

Sur la Tombejon venis amasego da homoj. Malgraŭ ke la Tombejo estis komence fermita por alia publiko, la nombro de la amasiĝintoj ĉe la

Tombo estis eksterordinare granda. Mi memoras, ke el la Tribuno - sekve el pli alta nivelo - mi per la okulo pritaksis la ĉeestantaron je multe pli ol mil.

La hebrea Komunumo donis plej evidentan ateston pri sia respekto al nia Afero kaj al Zamenhof. Jam ne parolante pri la plej grandaj favoroj, faritaj al ni, kaj pri la vere imponega dekorado de la Tombejo per palmoj, oleandroj kaj aliaj belegaj plantoj (ne nur la Tombon, sed la tutan vojon de la pordo — ornamita per standardoj: nacia kaj esperanta, kaj per bela surskribo en la lingvoj Esperanta (en la unua linio), pola kaj hebrea grandlitera: BONVENON KAJ SALUTON — formante belan plantan aleon ĝis la Tombo) la Hebrea Komunumo delegis por nia ceremonio sian plej altan reprezentanton, la Prezidanton, Sron Mazur kaj la ĉefrabenon Posner. Sed ni iru laŭorde.

Precize je la deka, kiam antaŭ la Tombo staris la grandioza florkrono (granda verda stelo, en la mezo blankflora VI, kaj cirkaŭe rozoj de koloroj de nia Nacio, kaj rubando kvarmetra ankaŭ en la koloroj naciaj kaj esperanta kun surskribo: „Al sia neforgesebla Majstro - la VI tutpola kongreso de esperanto“) komenciĝis la Ceremonio. Sur la speciale starigitan tribunon Sro Wiesenfeld anoncas: „Alimaniere ol ĉiuj aliaj Kongresoj komenciĝadas la esperantaj kongresoj en Varsovio. Niajn festenojn ni komencas per manifestado de nia adoro al Tiu, Kiu nin ĉiujn kunigis, al la Cindroj sub tiu ĉi Tombo. Ne mia estas la tasko vin saluti, nek malfermi la Kongreson. Tion faros post momento nia orbuŝa najtingalo Leo Belmont. Sed ankaŭ ol mi havos la honoron inviti lin sur la tribunon mi volas al vi ĉiuj komuniki, ke la nunjarajn festojn ni komencos per io eksterprograma: Ludoviĉjo Zamenhof, la nevo de nia Majstro, malfermas la Ceremonion per metado de floroj sur la Tombon de sia avo“.

Kaj la sesjara knabeto aliras, metas florojn kaj per kuraĝa voĉeto diras: „Al mia plej kara nevo...“ kaj tuj kaptas sin ĉe la kapo kun krio: „kion mi diris?“ kaj volis forkuri. Sed la patrino haltigis lin kaj repuŝis antaŭen. Tiam li ree komencis: „Al mia plej kara avo mi metas florojn, kaj mi salutas la Kongreson kaj deziras al ĝi plej grandan sukceson“. Malgraŭ ke ni troviĝis sur tombejo la publiko ne povis sin deteni kaj aplaŭdis.

Poste la tribunon suriris Leo Belmont. Laŭdi tiun homon estas ŝajne afero nefacila. Oni devus posedi la riĉegan vort-trezoron de tiu genia oratoro por trovi la decajn superlativojn per kiuj oni povus difinadi liajn buŝ- (kaj plum-) kvalitojn. Mi persone posedas nur du vortojn kiuj esprimas la plej plejan plejon: nome: LEO BELMONT. Post tiuj du vortoj nenio pli estas direbla.

Ne longe ni ĝuadis lian oratoran koncerton. La manko de tempo devigadas nin al plej senatentaj decidoj.

Sed ankaŭ nun aperas belega parolado. La prezidanto de la Varsovia hebrea komunumo Sro Elio Mazur pollingve komencas: Tre estimataj gesinjoroj. La demandon en kia lingvo mi antaŭ vi parolu plene solvus, se mi posedus Esperanton, sed ĉar mi plej bedaŭrinde ĝin ne posedas kaj ĉar ni troviĝas sur la hebrea tombejo mi prenos la permeson paroli hebree. Kaj Sro Mazur daŭrigas (hebree): En la tempo kiam ekzistas homoj kiuj kredas ke forbruligante librojn oni bruligas ankaŭ la ideojn kaj

forigas ankaŭ la lingvon, kiam homoj sur plej altaj postenoj eluzas ĉiujn siajn fortojn kaj influojn por fondi abismojn inter diversaj nacioj kaj rasoj, en tiaj tempoj se troviĝas ankoraŭ homoj, kiuj kulturas la interkompreniĝon, do ili meritas plej altan respekton. Gloron al vi sinjoroj! Mi kiel reprezentanto de la Hebreoj, estas feliĉa ke el nia raso, ĝuste tiu nun persekutata raso, devenis via inspirinto.

En la nomo de la varsovia rabenaro parolis rabeno Posner.

Nun okupas la tribunon nia plej amata gvidanto de la pola verd-armeo, la kara profesoro Odo Bujwid. Nelonga sed enhavplena parolado pri la kora sento kiun flegis nia Majstro (kaj de Bujwid - kolego) por sia pola patrujo. Kun larmoj en la voĉo - diras Bujwid - dankis al mi mia kolego en 1912 pro la aranĝo de Kongreso en Krakovo: neniu alia estis por li tiel agrabla kiom tiu - ĉi, aranĝita en lia patrolando.

Poste sekvis delegitoj kun florkronoj:

De Krakovaj Esperantistoj.

El Lodzo: Srino Brysz (virino, kiu povus servi kiel modelo de nemultparolemo).

El Wilno — Sro Gerŝater.

El Plocko — pastro Frato Bazyli (Pastro Furmanik).

La Ceremonio finiĝis. Sro Wiesenfeld dankas ĉiujn partoprenintojn kaj memorigas al ĉiuj Kongresanoj ke ili rapidu al la Urbodomo, ĉar jam ne restis multe da tempo por la Solena Oficiala Malfermo de la VI Tutpola (Peto al ĉiuj estontaj Kongreskomitatoj: Havu kompaton! kaj ne nomadu estonte la Kongresojn tiel terure longvorte: tutpollanda) Kongreso de Esperanto.

Tagmezo, en la salonoj de la Varsovia Urb - Konsilantaro.

La ĉefsalono plenŝtopita. Inter la gastoj estas videblaj: la vojevodo Olpińsk, starosto Wasylkowski, magistratano Dr. Bychowski, eksministro Lednicki, altrangaj oficiroj kaj tre multaj al.

La prezidanto de la Organiza Komitato, min. konsilanto Kaz. Zajączkowski kune kun la ceteraj membroj de la Komitato okupas lokojn ĉe la prezida tablo kaj deklaras la Kongreson malfermita. La orkestro — afable kaj senpage je nia dispono alveninta kaj konsistinta el blinduloj — muzikistoj de la varsovia blindul - instituto — ludas la nacian himnon. Post mallonga parolado li proponas kiel prezidanton de la Kongreso la ĝenerale amatan prof. Bujwid. Tondro de aplaŭdoj estis la respondo. Prof. Bujwid ankaŭ aŭdigas mallongan paroladon en lingvoj pola kaj esperanta (intermiksite) kaj invitas kiel vic-prezidantojn srojn Zajączkowski, Dr. Róbin, inĝ. Skrzypiński, prof. Sygnarski kaj Dr. Czubryński. Kiel sekretariojn: Dratwer, Alfus, Hodakowski, Lejzerowicz kaj Ŝapiro. Krome estas invititaj al la prezida tablo: Leo Belmont, Kpt. Silhan, Dr. Leono Zamenhof kaj red. Wagman.

La orkestro ludas „La Esperon".

Nun komenciĝas la salutparoladoj.

La unua, en la nomo de la Prezidanto de Varsovio parolis Dr. Bychowski.

En la nomo de la Białystoka magistrato — J. Ŝapiro.

De la Varsoviaj Hebreoj la Superrabeno Prof. Dr. Moseo Schorr.

De la Ligo de blindul - societoj en Polujo — Kapitano J. Silhan.

De TEKA belan parolon havis Dr. Róbin — la prezidanto. La paro-

lo estis vera revuo de la pioniroj de la esp. movado en Polujo ekde la unuaj momentoj.

De la redakcio „Kronika Dentystyczna“ — Edvardo Wiesenfeld.

De la Familio Zamenhof — Dr. Leono Zamenhof.

En sia propra kaj en tiu de siaj gepatroj parolis laŭtvoĉe kaj kuraĝ-plene la plej juna Zamenhofido, simbolo de permanenteco de Ludoviko Zamenhof, nepo de nia Majstro, la sesjara Ludoviĉjo: „En la nomo de miaj gepatroj kaj mia mi salutas la Kongreson kaj deziras al ĝi plej grandan sukceson“. Pri la efekto de tiuj vortoj oni ne bezonas skribi.

Nun komenciĝas la salutoj de la esper. societoj en diversaj urboj.

Sed jen la Prezidanto leviĝas kaj komunikas: Ni ĵus ricevis telegramon de la Prezidanto de la pola Ministraro Sro Janusz Jędrzejewicz kun la jena teksto: „VI tutpola Kongreso de Esperanto Varsovio, Rada Miejska.

Mi deziras al la Kongreso plej bonajn sukcesojn. Janusz Jędrzejewicz.

Prezidanto de la Ministra Konsilantaro“.

La ĉeestantaro per senĉesaj aplaŭdegoj esprimis sian senton pro tiu fakto. Oni baldaŭ decidis sendi dank - telegramon al la Premjero, kaj ankaŭ du homagiajn telegramojn al Prezidanto Mościcki kaj al Józef Piłsudski.

Trifoja laŭtega „vivu“ ektondris en la salono.

Ree oni transiras al la tagordo.

En la nomo de la esp-istaro en Bydgoszcz — prof. Sygnarski.

De Katowice — Tichawski.

De Krakovo — prof. Hodakowski.

De Lvovo — Sro Kucharz.

Lublino — Sro Pruski.

Lodzo — Sro Lejzerowicz.

Plocko — Frato Bazyli (pastro Furmanik) kaj Jan Sitek.

Radom — Sro Duljan.

Siedlce — Sro Żmuda.

Wilno — Sroj: Gerŝater, Szyk kaj f-ino Szyndelman.

Nun sekvas la societoj en Varsovio (laŭ alfabeta ordo).

Konkordo — Sro Bronstejn.

Pola Esperanto-Asocio — prez. Nowakowski.

Varsovia Esperanto-Societo — Sro Dratwer.

Ż. T. K. (Juda landkonema societo) — red. Oskar Bermann.

La sekretario Sro Dratwer tralegas la multegajn telegramojn (inter kiuj de Feliks kaj Lidja Zamenhof, Dr. Blassberg, Long, Grenkamp, kaj al.) kaj leterojn. La publiko jam komencis disiradi. Sed jen du vortoj ĉiujn elektrizis: Leo Belmont! Kaj efektive „en la mondon venis nova sento“.

Du miraklojn — li diris — ni hodiaŭ ekvidis. Blinduloj venis ĉi tien kaj ekvidis (la lumon kiun donas Esperanto), kaj vidulojn kiuj ne vidas ke Esperanto estas nobla kaj utila. Kaj per bonhumora rakonteto enblovis freŝan animon en la tamen tri horojn en la muroj de l' salono sidanta publiko. Ne longe, sed perfekte! Komuna fotografaĵo sur la korto de la Rada Miejska finis la tiutagan solen-parton.

Ĉu diri eble ankaŭ kelkajn vortojn pri la perfekta, modela ordo kiu

regis ĉu en la Tombejo ĉu en la Rada Miejska? Homoj diris ke nur por ĉeesti tiajn du supersolenaĵojn valoris veni Varsovion. Sed mi, mi bedaŭrinde skribi pri la ordo de tiuj ceremonioj ne povas. Mi — la ceremoni-estro devas tute pri ili silenti, ĉar... laŭdi sin mem ne decas. Kaj mallaŭdi — pardonu, sed mensogi mi ankaŭ ne volas.

Post la fotgrafado la publiko iris al komuna tagmanĝo en unu el plej belaj varsoviaj restoracioj, kie oni vere formis, sidante ĉirkaŭ unu tablo „unu grandan rondon familian".

Post tagmezo okazis agada (mokuloj pole diris: „gada") kunsido. Belajn referaĵojn prezentis al ni sroj Czubryński kaj Guterman. La diskuto do elvokis tre bonajn ideojn kaj materialon por propagandantoj. — Ankaŭ Sro Lejzerowicz agrabligis al ni duonhoron per sia „Nenia Krizo en Esperantujo". Prezidis Dr. Róbin.

Vespere okazis koncerto. Mi venis ĝuste al la fino, sed aŭdis de la familio Zamenhof: „belega estis la koncerto!" Kaj oni povas fidi. La Zamenhofanoj estas kritikemaj kaj nefacile entuziasmiĝas.

La tutan nokton la junularo dancis. Nenio tial mirinda ke morgaŭe ili estis dormemaj.

Lunde matene okazis, laŭ asertoj de ĉiuj partoprenintoj, la plej bela ekskurso. Tamen precize je la 11 ĉiuj venis (kaj grandamase) al la domo kie iam loĝis la unua esperanta bardo Antoni Grabowski, Hoża Nr. 42, por ĉeesti belegan ceremonion, kiu longe ne forviŝiĝos el la memoro. En multaj okuloj mi vidis larmojn... Sed... ree: estas malagrable laŭdi ceremonion kies estro mi estis. Do tute informe.

Malfermis la ceremonion Profesoro Bujwid. En mallongaj vortoj li priskribis la meritojn de tiu majstro de la esperanta vorto, kaj deŝiris la tolaĵon kovrantan la tabulon. Belega tabulo (mi min ree forgesas kaj volas laŭdi mian propran verkon... Sro Profesoro kial vi vin turnis ĝuste al mi ke mi skribu la raporton?) aperis antaŭ la okuloj. Supre verda stelo radianta sur la tutan tabulon. La surskribo:



Speciale por P. E. fotis E. Wiesenfeld.

Post la Profesoro suriris la tribunon min. Lednicki, kiu, malgraŭ siaj malsano kaj doloroj, venis por doni homagion al tiu aglo. Simpla homo — li diris — ne povas rigardi en la sunon. Li devas kaŝi sin en la ombron. Sole aglo povas rigardi en la sunon. Nur Grabowski sciis rigardi en la sunon de Esperanto, dum ĉiuj aliaj liaj samtempuloj ne kuraĝis tion fari.

Leo Belmont kiel ĉiam — aldonis plenan majestecon al la ceremonio.

Sino Irena Kruszewska, filino de Grabowski, en la nomo de la vidvino kaj tuta familio, dankis por la granda honoro kiun 12 jarojn post la morto de ŝia patro la esperantistaro evidentigis al Grabowski. Tio pruvas ke ĉiu laboro idea ne ne restas sendanka.

Jen sur la ŝultroj de Wiesenfeld aperas hometo. La 5 jara nepo de Grabowski ankaŭ ekvolis ion diri: „En la nomo de nia tuta familio, mi dankas plenkore al la Kongreso por la honoro montrita al mia avo". Infana, tamen sufiĉe laŭta voĉo kaj — kio estas plej grava: ĉio en Esperanto dirita.

Sro Wiesenfeld finis la ceremonion per dankoj al ĉiuj, kiuj per io ajn kontribuis al tio ke ni fine povis pagi la ŝuldon al tiu senlaca pioniro. La tabulon en la nomo de l' Org. Kom. li petas preni sub sian protekton la domomastrinon sinon Berland.

Kaj ree rapide - al la Rada Miejska por ĉeesti la kunsidon de PED.

La kunsido pasis sufiĉe intime kaj trankvile, malgraŭ ke ĝi daŭris preskaŭ 3 horojn. Raporton pri tiu kunsido mi cedas al la sekretario de PED.

Ree tagmanĝo en Gastronomja. Kaj ne malpli bona la apetito.

. Lunde posttagmeze. Ferma kunsido.

Tiu ĉi parto de la Kongreso okazis jam sub alispeca temperaturo. Jam ne pompo, nek ia alia solena agordo karakterizus tiun kunsidon. Mi plej konvena trovus tie ĉi la esprimon: pasioj.

La tagordo antaŭvidis kelkajn referaĵojn, malfruiĝintajn salutojn, rezoluciojn kaj liberajn proponojn. Ĉar tamen nia esperanta publiko emas malfruiĝadi do (malgraŭ tio ke la kunsido komenciĝis, kiel cetere ĉiu alia punkto de la programo, precize) venis multaj jam en la mezo kaj, ne aŭdinte la ĉefkernon de la temo aŭ eble eĉ la referaĵon, partoprenis en la diskutado. Kompreneble ke tio naskis ofte situaciojn ke la parolanto aŭ r-petis tion kio estis jam antaŭ li en la referaĵo dirita aŭ eĉ... memorigadis la interparolon de du surduloj. Tiel okazis kun unu fama parolanto, kiu forlasinte jam la tribunon, ekkonatiĝis kun la referaĵo kaj rekonis ke ĝi ja ĝuste entenas tion, kion li krie kaj aplaŭdite postulis. Alia parolanto, certe ne aŭdinte la rezolucion de la referaĵo finis: „mi protestas kontraŭ la rezolucio... kaj proponas ke..." Kaj ĝuste tio, kion li proponis, estis tio, kio troviĝis kiel fina rezolucio de la referaĵo, aŭ alie dirite, li proponis tion, kontraŭ kio li antaŭ sekundo protestis.

Pri kio mi parolas? Pri mia referaĵo: „Nia rilato al la nunjara Universala Kongreso de Esperanto en Kolonjo". La rezolucio estis: „Sendante korajn salutojn al la germanaj samideanoj, la VI Tutpola Kongreso de Esperanto deklaras, ke la nunjara Universala Kongreso de Esperanto en Kolonjo ne povos esti de la Poloj vizitata". Diskutado post tiu referaĵo, kiu daŭris 15 minutojn, tiris sin pli ol du horojn kaj partoprenis en ĝi... ĉu mi scias? Ŝajnas ke ĉiuj ĉeestantoj. Pro tiu kaŭzo devis rezigni tri referaĵoj: de Ŝapiro, de Zawada kaj mia. Pri mia, mi devas aldoni, ke estis de mia flanko granda ofero. Ĉar jam pli ol 5 jarojn mi atendas kun ĝi kaj neniam ĝi efektiviĝas. Kaj intertempe la afero ja treege komplikiĝas, kaj kun ĉiu tago la malsano fariĝas pli malfacila por elkuracі. Tamen por la bono de la agordo kaj atmosfero tiam reginta mi rezignis. La Estraro de Pola Esp-isto — oni devas tion danke rekoni — agnoskis mian oferon kaj rekompence promesis publikigi la referaĵon sur la kolonoj de P. E-sto (malgraŭ ke tiu referaĵo estas ja kontraŭ la opinio de la Redakcio), por kio mi ĉi loke dankas kaj promesas... ĝin sendi (jam maldankemo).

Do post kiam ĉiuj jam estis elŝarĝintaj sian tutan parol - energion

la Kongreso akceptis la supre cititan rezolucion kaj, krome, la rezolucion de Ŝapiro: „La VI Tutpola Kongreso de Esperanto turnas sin al I. C. K. kun demando, ĉu la nunjara Universala Kongreso de Esperanto en Kolonjo prezentis al ICK la plenajn garantiojn, kiujn kutime LKK devas antaŭe prezenti kiel garantion de sekureco por Kongresanoj alveturontaj".

Post tiu ĉi rezolucio venis propono de Wiesenfeld kaj Dratwer:

Mi memoras, kiam antaŭ la milito en 1912 nia Majstro estis veturanta al la jubilea Kongreso Krakovon, mi en la nomo de varsovia junularo venis kun floroj por lin akompani, kaj miaj vortoj tiamaj estis: „Ni esperu ke la 50 jara jubileo de Esperanto estos festita en Varsovio, libera ĉefurbo de libera Polujo". Mi devas konfesi ke malgraŭ ke tio estis tiam plej arda revo, tamen mi mem ne multe kredis pri ĝia rapida efektiviĝo. Nu, nia generacio estas je tiom feliĉa ke ni ĝisvivis tiun momenton. La unua parto de mia deziro efektiviĝis. Efektiviĝu nun ankaŭ la dua parto! En 1937 okazu la Universala Kongreso de Esperanto en ĝia lulilo, en Varsovio. Mia propono ne estas nur pure platona, pia deziresprimo, mi petas ke PED. rajtigu la varsovian membraron de la Komitato de PED. ke ĝi jam nun elektu Organizan Komitaton. Ne estas tro frue. Cetere, estas pli bone tro frue ol tro malfrue... akceptite.

Multaj, antaŭ la forlaso de la Kongreso, volis scii, kie okazos la VII Tutpola. Estas ĝis nun proponoj de Plocko, kaj Vilno. Sed mi persone volus peti, se tio estas permesita, ke tia kongreso okazu en... Gdynia (apud nia, pola maro). Se tio estus efektivigebla, tiam tiu Kongreso certe apartenus al la plej belaj en Polujo.

„Ni ne disiras sen nia himno". Kaj kun laŭtsona „La Espero" la Kongreso estis fermita. Tiel deklaris nia plej kara (ĉu mi citu kiu?). Post tio la publiko kvazaŭ interkonsentite kriis trifoje: Vivu, profesoro Bujwid.

Vivu li, vivu! Tion bezonegas nia sankta afero!

**Edvardo WIESENFELD LK.**
**Varsovio 6. VI. 33.**

P. S. Senjusteco estus ne mencii ke la gazetoj Express Poranny, Nasz Przegląd kaj hebrea Ekspresso donis tre grandajn raportojn. Nasz Przegl. eĉ eldonis specialan aldonon kaj donacis al la Kongresanoj 300 ekz.

# MALGRANDAJ BILDOJ PRI GRANDA POLUJO.

**(Daŭrigo).**

## LA PENTEKOSTA MIRAKLO INTER ZĄBKOWICE KAJ CZĘSTOCHOWA.

En Kraków mi lastmomente saltis sur la platformon de la jam ekmovita vagonaro al Częstochowa. La varmega aŭgusta suno trahejtis la kupeon, kiel bakujon la pajloflamoj. Iu gentile transdonas sian sidlokon kaj mi eksidas sur la varmegan benkon.

Iomtempe mi rigardadas la reenkurantan pejzaĝon. Tian mi vidas ankaŭ en la hungara ebenlando. Mi elpoŝigas do hungarlingvan gazeton, kiun ankoraŭ en Przemyśl donacis al mi s-ro Schutzmann, antaŭ unu semajno. (De tiam mi tute ne havis trankvilan tempon por tralegi ĝin.)

La kunvojaĝantoj ĉiuj scivole rigardadas mian gazeton. Kialingve presita? Nek slave, nek angle, germane, aŭ france... Kiel do? Ili larĝokule nun esploras mian verdstelan insignon kun la hungara trikolora rubandeto. Eĉ ne tio klarigas la demandon. Car ili „rigardas, sed ne vidas".

Mi soifegas. Trinkakvon mi serĉas. La haltotempo ĉiustacie estas nur porminuta. Jen, pli granda stacio: Ząbkowice. Mi hezite serĉas akvujon, aŭ puton. Mia sidnajbaro — juna sinjoro pola — helpeme alparolas min germane. Li divenis mian intencon kaj kondukis min al fontanputo...

En la vagonaro li fervore demandadas min, ĉiam germane. Mi komprenas bonete, sed la respondo jam estas turmente malfacila kaj plejparte neebla pro mia malsperteco en tiu lingvo. Mi proponas al li Esperanton. Li ne konas ĝin. Mi prezentas kelkajn vortojn. Li komprenas iliajn signifojn, ĉar li konas plurajn lingvojn (ankaŭ la klasikajn). Je la mencio de la kvindekioma bone komprenita vorto li estas forte frapita pro la miro pri tiu ĉi sorĉa lingvo internacia.

Mi provas nun aŭdacan eksperimenton: li nur parolu germane (mi sufiĉe komprenos), mi parolos esperante (kaj li verŝajne komprenos post kelkaj antaŭaj enkondukaj klarigoj)! Mi do komencis la strangan konversacion pri proksimaj aferoj per tre simplaj, facilaj, klaraj frazoj. Li germane retradukadis la frazojn, por kontroli la ĝustecon de la kompreniĝo. Brave, bonege!!...

Kaj fluadis la kurioza babilado je liaj nepriskribeblaj miro kaj ĝojo ĝis Częstochowa...

Tiel do ripetiĝis en moderna formo la dumiljara pentekosta miraklo en pola vagono, en la meza ebenlando de Polujo. Kaj la konservativa spirito de la praaj kamparoj miriĝite aŭskultadis...

En Częstochowa mi forlasis la vagonon, la juna pola kuracisto pluveturis al Warszawa... Se li plenumis sian promeson, li de tiam certe diligente studadas Esperanton en iu pola urbeto aŭ vilaĝo...

**PER LANGO NI EKZERCU LA LINGVOJN KAJ PER LINGVOJ LA LANGON!**

Ho, la homa lango! Ĝi estas la plej mirinda ilo en la kreita mondo. Per ĝi oni povas mil — kaj milspecajn aferojn mil — kaj milmaniere fari, aranĝi.

Sed ĉiu homo havas malsaman langon. Estas bonaj langoj kaj ankaŭ malbonaj langoj. (Ni ĉiuj spertas tion en la vivo). Eĉ, ankaŭ tiuj ĉi du grupoj enhavas aparte malsamaĵojn. Ĉar troviĝas: langoj bonaj kaj lertaj; langoj ja bonaj, sed mallertaj; langoj malbonaj kaj lertaj (la plej danĝera specol) kaj fine: langoj malbonaj, sed mallertaj...

Kion oni povas fari per la lango? (Nur kelkajn mi citas el la neelĉerpebla provizo de la fareblaĵoj). Ekzemple: piki, tranĉi, korojn vundi kaj resanigi, mortigi, feliĉigi, malfeliĉigi, diservi, blasfemi, moki, rabi honeston, fajfi, gustumi ktp. ktp.

Eĉ oni povas per ĝi ankaŭ — paroli!

Sed, ĝenerale ankaŭ la funkciigado de la lango (en la uzado de lingvo) laŭ regionoj iom diferencas, almenaŭ per nuancoj. Kaj tiuj funkciignuancoj donas specialan guston ankaŭ al la parolmaniero de la diversaj provincanoj. Ekzemple en Suda-Polujo la parolo de la fraŭlinoj estas tiel dolĉe kantmaniera, ke mi volonte aŭskultadus ĝin longe, eĉ ne komprenante bone la signifon de la kantparolitaj vortoj. Min multe plezuris tiu ĉarma prononcado, kvankam kelkiuj (en la pli mezaj landpartoj) mokis tiun voĉkolorigon.

Kaj ankaŭ en Polujo mi spertis, ke ankaŭ la malsamlingvanoj havas malsammovajn langojn. Jes, la polaj langoj — ankaŭ en Esperanto — plej parte movas sin alistile, kiel la hungaraj. En Suda - Polujo mi ja ne spertis ian diferencon en la prononcado de esperantaj vortoj (nur la kutiman kaj ĝeneralmodan moligon de iuj konsonantoj, kiel: fratjino, onji, vidji, samidjeanjino ktp. ktp.), sed trans Kraków jam tre ofte orelfrapis min la stranga prononco de la konsonanto l. Precipe en la „mal-" vortoj, kiel ekzemple: malgranda, maŭgranda. Ktp. Je mia granda miro tiuregione kelkiuj tamen **min** riproĉetis pro mia l — prononco!

La hungara lingvo, kiel verŝajne la 90 procentoj de la lingvoj, havas nur **unuspecan** literon (konsonanton) **l.** La poloj havas du: **l** kaj **ł.** Ni hungaroj do prononcas la konsonanton l ĉiam same, kiel ankaŭ ĉiuj alilingvanoj (esceptante la polojn). Ni ja eĉ ne povus prononci alimaniere, havante nur unuspecan **l.** Sed kelkaj poloj — verŝajne ĝuste pro tio, ĉar vi havas duspecan **l,** — kelkfoje kaj multloke intermiksas la „polan" **ł.**

Alia diferenceto en la prononco prezentiĝis ĉe la **akcentmaniero.** La poloj — plejparte — la akcentitan silabon nur **emfazas,** sed prononcas ĉiam sammallonge, kiel la ceterajn senakcentajn silabojn. Tiu ĝi prononcmaniero — laŭ mia sperto — igas la parolon tro rapidflua kaj iom kruda. Mi ja akceptas la pravecon de la aserto, ke tiu ĉi prononcmaniero estas la plej Zamenhofa, tamen mi — kun Kalocsay, Baghy kaj kun la okcidentaj kaj sudaj lingvanoj — kuraĝas opinii, ke la ioma plilongigo de la akcentitaj silaboj estas tre konvena, eĉ necesega por la

belsoneco kaj melodiecigo de la parolata lingvo. Do ni multe pli longe prononcu ekzemple la vokalon e en la vorto peti, ol en penti; en „bela", ol en belga; aŭ la vokalon o en la vorto volas, ol en volvas ktp. La pollandanoj (esceptante kelkajn plej parolspertajn esp.- istojn kaj -inojn) plej parte sammallonge prononcas ambaŭkaze.

Mi estas — konvinkita, ke tiu ĉi — „miagusta" — prononcmaniero venkos venonttempe kaj fariĝos ĝenerale sekvata ankaŭ en Polujo. (Sed mi jam ĉesas, ne volante plu enmiksiĝi en la „internajn" aferojn de Pollando kaj ne dezirante esti registrata de vi en la grupon de homoj, kiuj havas danĝeregan langon).

**PERDITA KAJ ĈU RETROVITA?...**

Fulmoj faladas apud la kuregantan vagonaron. Tondroj eksplodegas, kvazaŭ la ĉielo ekfendiĝus. Virinoj timeme krucsignas. Mi per gajiga petolado klopodas rekuraĝigi blondbuklan, rondkapan polan knabeton, tiom similantan al unu fileto mia... La somera tempesto baldaŭ forpasas. Rzeszów... Revizoro envenas. Ankaŭ mi prezentas mian ĵurnalistan veturkarton. Li malaprobas kaj demandas — klarigas pole.

— Ja nie rozumiem!... Li nun ekparolas germanlingve. Mi balbute petas: Bonvolu malrapide paroli. Li konsentas, provas, tamen mi ne komprenas. Mi devas al li buŝe-geste klarigi, ke mi parolas nur hungare kaj esperante.

Tiam li ĝojmiene, sed ne facile ekparolas esperante: Ho, ankaŭ mi lernis kaj sciis paroli esperante, sed mi jam forgesis multe, bedaŭrinde...

(Mi ankaŭ nun miras, ke li ne rimarkis antaŭe mian verdstelan insignon). Post reciproka interamikiĝo li klarigis fine en „mia" lingvo, ke la trafikkontoro en Przemyśl stampis malĝustloke la veturkarton kaj por revalidigi ĝin: mi devos en la Krakowa fervojdirekcio nuligi la eraran stampaĵon, ĉar alikaze mi perdos la favorrajton.

Post kelkaj minutoj ni alvenis Krakovon. Surperone atendis min amiko Wiesenberger kaj li denove interpelaciis (nacilingve) la al li prezentitan revizoro — samideanon pri la kartoafero...

Gesamideanoj! Ne lasu perdiĝi por nia movado s-ron revizoron Andrzej Piękoś (Kraków, główny dworzec osobowy)! Lin ni certe bezonas. Li povas ankoraŭ multe utili por nia afero en la anaro de la „flugilhava rado".

**MANKAS VERDAJ BACILOJ ĈE LA LIM-KARPATOJ.**

Tra pitoreska pejzaĝo mi alveturis la lastan polan stacion Sianki.

Ununura pasaĝero mi estas. (Malgaja rezulto de la perforta ĉesigo de la miljara hungara - pola lino). La vagonaro baldaŭ reveturas, la stacio fariĝas senhoma...

Mi ekpromenas al la vilaĝo. Domoj en grandaj distancoj.

Entute mi vidis el la vilaĝanoj nur du bovinojn, rutenan kamparbubon, longbarban judon, kaj du tre grasajn judfraŭlinojn.

Rapide mi revenas al la stacidomo. De mateno ĝis vespero mi devas restadi en tiu ĉi senvoĉa loko. Kion fari? Mi provas dormi. (De Lublin mi ne dormis 30 horojn). Ne tro sukcese.

Du horojn antaŭ la sopiregita pluveturo mi ekiras al la vagonaro (jus ekstarinta sur sian relparon), ĉar mi aŭdis tie hungarlingvan babiladon de „ĉehoslovakaj" vagonaristoj. Ĉe la perona balustradpordeto staras pola doganisto, fikse rigardanta mian insignon. Li alparolas min esperante! Ĝojege mi ĉirkaŭbrakis lin, kvazaŭ de Dio senditan homon en tiu soleca loko. Du horojn ni babiladis esperante. Li plendis, ke mankas kunulo en Sianki, kun kiu li povus ekzercadi la lingvon. Pro tio li jam tre malfacile donas la vortojn. Mi riproĉas, ĉar post pluraj jaroj li ankoraŭ ne esperantigis iun tie kaj mi transdonas al li polan - esperantan „ŝlosileton" (ricevitan en Lublin de amiko Zorkraŭt) kun severeta instigo: nepre kaj senprokraste infekti iun per la verdaj baciloj en Sianki!

S-ro Franjo Halas (kvankam skribis kelkfoje al mi), ankoraŭ ne fanfaronis pri sukcesa esperantistigo de iu Sianki'ano aŭ (prefere por li) Sianki'anino. Kiu do el vi — karaj polaj fratoj — povus min informi pri la nuna stato de tiu ĉi afero (t. e. la „infektado" de Sianki)?

**RESPONDU LA DEMANDON: ĜIS KIAM STAROS LA NASKIĜDOMO DE LA MAJSTRO EN BIALISTOK?!**

La pilgrimejo de ĉiuj esperantistoj (vojaĝantaj tra Polujo) estas la naskiĝdomo de Zamenhof.

Malkaŝe konfesante: min ekregis profunda emociiĝo enkora, kiam mi ekvidis la malnovstilan lignodometon ĉe la angulo de la strato Zamenhofa kaj Biała.

Surgrimpinte la grinceman bretŝtuparon mi enpaŝis, tiel piakore en la malvastan ĉambreton — kie Zamenhof unue ekvidis la sunlumon — kvazaŭ mi estus veninta en sanktejon.

Dum longaj minutoj miaj pensoj kaj sentoj ondkuris, pelis unu la alian kaj kun mia ĉionvidema rigardo ili ĉirkaŭgirlandumis per la floroj de la plej alta estimo kaj amo la kadukajn ĉambretmurojn, sur kiuj malkara papertapeto kovras la malriĉan nudon de la murbretoj .

Senhumoriga malpleneco, malgajiga neglektiteco — interne. Same ankaŭ ekstere, rigardante la domon en la malantaŭa korteto, kie mi surpaperigis ĝian skizon. Mizera aspekto, disfalemaj bretoj...

Mia koro eĉ nun malĝojas kaj ekveas al vi ĉiuj:

Estas tempo jam fine ekagi por inda konservado kaj senprokrasta savo de tiu Esperanto — Sanktejo! Oni klopodas ĉie starigi memorŝtonojn eĉ monumentojn por la memoro de nia genia Majstro. Prave, ĝuste, bone! Tamen mi opinias, ke la plej urĝa, plej unuaranga, unuavica devo de la esperantistaro estas la inda rekonstruo de la Zamenhofa Naskiĝdomo! Tio estus ja la plej bela, plej inda memoraĵo por la Majstro. Mi eĉ kuraĝas sentenci, ke estas kulpe kaj kontraŭlogike elspezi forton kaj monon por fieraj aŭ fanfaronaj memorŝtonoj dum la Naskiĝdomo statas en tia hontinde mizera aspekto kaj forgesiteco.

Polaj gesamideanoj, bialistokanoj (agema s-ro Szapir)! Iniciatu kaj ekmovu kolektadon por tiu celo! Tute certe: la tutmonda samideanaro oferos la bezonatan sumon por la aĉeto kaj rekonstruo de la Zamenhofa domo, kiu servu venonttempe kiel reliktejo de nia Majstro!

Ankoraŭ ion! En la Zamenhofa — ĉambreto troviĝas albumo por memorsubskriboj de la vizitantoj. En la albumo troviĝas mansignoj de multaj eminentaj, konataj kaj nekonataj, gravaj kaj simplaj personoj. (Memkomprenebla afero! La esperantistaro estas ja plej heterogena socio de la tuta mondo). Ankaŭ mi enskribiĝis, kiel unua hungara pilgriminto. Kaj tiuokaze mi vidis kun malkontenta sento, ke aro da daktiloskopoj de junaj entuziasmuloj (plejparte enlandanoj kaj enurbanoj) kaj alispecaj makuloj malornamas plurloke la foliojn.

Ĉu tute ne ekzistas maniero por la pli zorga konservado de la memoralbumo?

Post tia-tona raporto mi timas, ke eble troviĝos iu en Bialistok, kiu pezkore pensas pri mi, kvankam mi kulpigas neniun en Bialistok, aŭ en Polujo*), sed ĉiun esperantiston en la tuta mondo.

Ni englutu la amaran pilolon de la vero kaj ni resaniĝu per tio! (Ĉu iu ne akuzos min kiel fuŝkuraciston? Mi ja ne estas oficialulo, nek oficulo. eĉ nek diplomatita kompetentulo en la „Lando de la Verda Stelo").

**LA TELERĈAPO DE LA POLAJ POLICISTOJ.**

La polaj policistoj estas elegante vestitaj, spertgestaj estrantoj de la mugbrua orĥestro de l' strattrafiko.

En siaj plaĉaj, konvenaj somervestoj kun blankruĝa bastono „policista sceptro") ili vere imponis al mi. Mia ofte menciita simpatio al ili eĉ kreskis, kiam mi estis sciiĝinta, ke multaj el ili parolas ankaŭ esperante. (Bedaŭrinde, dum miaj 5-tagaj, ĉiam tuttagaj stratvagadoj mi neniam havis bonŝancon renkonti, trovi tian „gardiston de l' bonordo").

Tamen, mi pensas, ke la blanka telerĉapo konvenas nur el la vidpunkto de suspektindaj noktuloj, ĉar tiu policistoĉapo belege „lumas" en la nokta malhelo kaj donas bonegan celpunkton (kaj atentigan signon) al tiuj, kiu pretendas iĝi ĉampionoj de telerĉap - truigado.

Se pravas la hungara proverbo, ke **kun kaj per tamburo oni ne povas kapti paseron,** certe pravas ankaŭ la sentenco, ke **kun kaj per blanka telerĉapo oni ne povas nokte kapti friponon.** Eĉ ne en Polujo!

**(Joz. Mátyás).**

---

*) La nuna luanto de la Zamenhofa - hejmo: s-ano Sztumakiewicz ja zorgas pri la pureco kaj bonordo de la Zamenhofa - ĉambreto kun tre estiminda bonvolo, sed li - unu homo — ja ne povas fari ion plimulte ĉirilate.

**POŜTISTOJ! TELEGRAFISTOJ! TELEFONISTOJ!**

# INTERNACIA ESPERANTO-KURSO

**por la geoficistaro de Poŝto, Telegrafo kaj Telefono en ARNHEM, 21. Junio — 1. Julio 1933.**

Konsiderante la gravecon de la internacia lingvo por la oficistaro de P. T. T., la Internacia Ligo de Esperantistaj Post- kaj Telegraf-oficistoj (ILEPTO) kaj la Internacia Cseh-Instituto de Esperanto, en kunlaboro kun la Ĝenerala Direkcio de la Nederlanda P. T. T., organizas

**specialan internacian kurson de Esperanto por la geoficistaro de P. T. T., kiu okazos en la Esperanto-Domo en Arnhem (Nederlando), dum la tagoj 21. Junio — 1. Julio 1933.**

La kurso estos gvidata de Andreo Cseh, laŭ lia konata metodo (sen lernolibro, sen uzo de nacia lingvo, sen hejma laboro, en praktika kaj amuza maniero) kaj ĝi kapabligos al skriba kaj parola uzo de la lingvo Esperanto en simpla ĉiutaga interrilato, speciale sur la kampo de P. T. T.

La kurslecionoj okazos dum 10 labortagoj, matene de la 9-a ĝis la 13-a horo. Dum la posttagmezoj estos ekskursoj studaj kaj plezuraj, interalie al la granda nederlanda radio-stacio en Kootwijk, plenumanta la telegrafan servon kun Nederlanda Hindujo. En la vesperoj okazos amuzaj aranĝoj.

La kurso servos ankaŭ kiel ideala okazo por internacia interkonatiĝo kaj interamikiĝo de diverslanda P. T. T.-kolegaro.

En la kurso partopreni povas ĉiuj geoficistoj de la P. T. T., kune kun siaj familianoj. Partopreni povas ankaŭ personoj, kiuj jam scias la lingvon Esperanto. Kurskotizo estas 5.— ned. guldenoj, por pluaj anoj de la sama familio nur 3.— guld.

La kursanoj povos loĝi en la hotelo de la Esperanto-Domo, kie speciala favorpreza plena pensiono (komforta ĉambro kun fluanta akvo kaj la tri manĝoj) kostas por unu tago kaj unu persono: 4.— guld. (aparta ĉambro), 3.50 Guld. (2—4 litoj en unu ĉambro), Servmono: 10%.

Aliĝante oni sendu la kurskotizon kaj mendu la hotelon, pagante la pensionprezon por almenaŭ du tagoj.

Adreso por aliĝoj kaj informpetoj: Internacia Cseh-Instituto de Esperanto, Oostduinlaan 32, Den Haag, Nederlando. (Poŝtkonto: Den Haag 162626).

FAVOROJ. — Estas kreita speciala fondo por subvencii partoprenantojn, kies ekonomia stato ne ebligas la partoprenon. Petojn por subvencio oni sendu al la supra adreso, kiel eble plej baldaŭ. Ĉe la disdono de la subvencioj preferon ĝuos tiuj petantoj, kiuj aldonis al sia petskribo ankaŭ ian ateston aŭ rekomendleteron (de la oficeja estro aŭ de P. T. T.-fakorganizaĵo).

LIBERTEMPO. La Ĝen. Direkcio de la Nederlanda P. T. T. decidis doni ekstrajn libertagojn al tiuj, kiuj intencas partopreni en la kurso.

PETO. — La legantoj de ĉi tiu anonco estas petataj vaste diskonigi la informojn pri la kurso en la nacia gazetaro, precipe en la fakaj gazetoj, kaj instigi siajn proprajn P. T. T.-estrarojn kaj fakorganizaĵojn, ke tiuj de sia parto delegu kaj subvenciu partoprenantojn. Donacoj por la subvencia fondo estas danke akceptataj. — Invitleteroj al la P. T. T.-direkcioj de ĉiu lando estas jam dissenditaj de la Nederl. P. T. T.-Direkcio, tra la Univ. Poŝta Unio en Bern.

# ĜENERALA KONGRESO DE GERMANAJ KATOLIKOJ

**7—12 septembro 1933 en Wien.**

En la aranĝoj de ĉi tiu grandioza kunveno de la katolikoj, okazos ankaŭ oficiale tiuj de „Katolika Unuiĝo Esperantista en Wien", inter kiuj ni akcentas jenajn: Salutvespero, — Beno de nova standardo, — solena Diservo kun esp. prediko en belega preĝejo Sa. Karlo, — la granda eŭkaristia manifestacio en belega parko de Schönbrunn, — festkunveno, — laborkunsido, — pilgrimo, — ekskursoj, — vizito al Int. Esp. Muzeo k. t. p.

**Kongres-kotizo:** por la esp. aranĝoj estas por aŭstrianoj **S. 1.60,** por alilandanoj sv. **fr. 1.20,** aŭ egalvalora valuto. — Ni petas ankaŭ, se eble aldoni donacon laŭvole por nia novakironta standardo.

Venu multnombre, ni penos agrabligi dum tiu tempo vian restadon en nia bela urbo, Wien!

Aliĝanoncoj kaj monsendoj al prez. sro. Leopold Chiba, (Wien, (Aŭstrio) IV. Schaŭmburgergasse 5./25. Aŭstria Poŝtŝparkasokonto,: Wien - A 134.593), kiu ankaŭ donas informojn por favoroj k. t. p., bonvole nepre aldonu respondafrankon!

# POLLANDA KRONIKO.

**GDYNIA.** Post la jarkunveno okazinta la 6-an de aprilo 1933, la nova estraro komencis vigle labori. Nun jam la Estraro decidis aliĝi al la Pollanda Esperanto-Delegitaro. Esperantaj konversaci-vesperoj okazas regule ĉiusemajne (19. horo) marde. Fine oni trovis jam delonge sopiritan ejon, senĝenan kaj oportunan. Geesperantistoj vizitontaj la havenan urbon estas bonvenataj en nia ejo. — La adr. de nia ejo: Esperanta Rondo, Gdynia. Z. U. P. U. szosa Gdańska, blok środkowy (świetlica).

La nova Estraro: Doktoro Marczyński prezid., s-ro Greffkowicz vic-prez., s-ro Nowak sekret., s-ro Raulin kas. s-ro redaktoro Kełbratowski estrarano. — Ĉiujn korespondaĵojn oni sendu sub la adr.: D-ro Marczyński, Gdynia, ul. Starowiejska dom Gruby.

**KRAKÓW.** La 5-an de aprilo okazis en Pola Esperanta Klubo ĝenerala kunveno, dum kiu oni elektis la estraron:

Prez.: Direkt. Eug. Tor, vicprez.: Tadeusz Hodakowski, Sekret.: Jadwiga Kostecka, kas.: Janina Zagajewska, bibliot.: Dr. Wanda Koczorowska. La membroj de l' estraro: Katarzyna Torowa, Helena Barbaszewska. Irena Szczepańska. La membroj de revizia komisio: Inż. E. Kostecki, M. Piotrowski, F. Zieliński.

Societo Esperanto aranĝis la 1-an de majo k. j. en la salono de Industria Muzeo solenan koncerton, dediĉitan al la korifeoj de la pola muziko. Antaŭparolis afable prof. Biliński, pri pola muziko prelegis f-ino Bertiżanka. Deklamis bele kaj kortuŝe ĉarma kaj plej juna adeptino de la esperanta lingvo f-ino Irena Starkówna dram. artistino de la urba teatro en Kraków. Kelkajn vortojn dediĉis al memoro de nia geniulo Chopin prof. Hodakowski. En la muzika parto de la koncerto partoprenis afable f-ino Streissenberg, kiu perfekte kaj bele ludis Es-dur polonezon de Chopin kaj s-ro Finkenperl, kies violonludo de Legenda kaj Caprice de Wieniawski estis ege aplaŭdata. Ambaŭ lernantoj el la muziklernejo de prof. Stein. Majstre kaj kun mirinda virtuozeco pianludis f-ino Olga Łapicka grandiozan polonezon de Juljusz Zarębski. La kulminacia punkto de la koncerto estis la kanto de nia konata operkantistino s-ino Chmiel-Tryczyńska, kies ĉarma kaj profunde lirika voĉo ĉe subtila akompano de f-ino Łapicka sorĉis, kiel kutime, la aron da aŭskultantoj. Speciale la ario de Halka de Moniuszko estis aplaŭdata kun grandega entuziasmo. La bela koncerto finiĝis per ĥore kantata Espero. Ĉeestis ĉirkaŭ 200 personoj.

„Societo Esperanto" malfermis laste legejon, kiu funkcias ĉiun ĵaŭdon de 8—9.30 vespere.

En la legejo estas haveblaj ĉiuj aperantaj esperantlingvaj ĵurnaloj.

Al nia anino Anka Saganówna pro morto de la patro ni esprimas plej sinceran kompaton.

La 24-an de aprilo havis tre spritan prelegon pri sia ekskurso al Lwów fraŭlino Irena Szczepańska. La prelegon aranĝis „P. E. Klubo".

La 7-an de junio okazis en Pola Esp. Klubo prelego de s-ro Miecz. Piotrowski s. t. „Miaj impresoj pri la kongreso en Warszawa". La 14-an de VI. parolis sro J. Toczyski pri la Esp. - movado laŭ la alilanda gazetaro. La saman tagon okazis finiĝo de supera kurso, gvidita de sro T. Hodakowski. Jam dufoje kunvenis la klubanoj en kafejo, kie preskaŭ ĉiuj ĉeestis.

**KATOWICE.** La Societo de Esperanto - Amikoj raportas, ke meze de januaro 1933 ekkomencis novan Esperanto-kurson nia sperta instruanto, sro Faruga. La kurso komenciĝis kun 30 personoj. Bedaŭrinde dum la 3-monata daŭro forestis 12 gesinjoroj parte pro malsano, parte pro la krizaj cirkonstancoj kaj la belaj printempotagoj kvankam la lecionoj estis tre gajigaj. Nia devizo restas: elteni, ĉar nur per Esperanto povas regi en la mondo vere paca alproksimiĝo de la nacioj. La fakto, ke oni eĉ batas personojn nur tial, ke ili parolas en sia gepatra lingvo, aŭ apartenas al iu gento aŭ religio estas treege abomeninda ekzemplo, kiu devas esti honto por ĉiuj ŝtatoj, en kiuj tia konduto estas aplikata.

Por ne nur ĉiam labori, sed ankaŭ amuziĝi, aranĝis nia Societo la 27-an de majo danc-vesperon en la salonego „Hospic".

**LWÓW.** La Pola Esperanto Societo aranĝis kelkajn sukcesplenajn prelegojn. Paroladis nia ŝatata samideanino Rena Silber tre interese kaj elokvente, fraŭlino Minuŝka Mantel „kuraĝe, forte kaj elegante" prezentis el propraj manuskriptoj. — La 14. IV. okazis Zamenhof memor — vespero. — Paroladis kaj recitis: Dr. I. Fels, Minuŝka Mantel, Leonja Fruchtówna, Natan Herr, Rena Silberówna kaj aliaj. Nia nigra samideano Kola Ajayi paroladis la 26. IV. en Teĥnologia Instituto antaŭ 300 ravitaj aŭskultantoj, prezentante tre interesajn bildojn pri la bela suna patrujo Afriko. La 27. IV. Kola Ajayi paroladis en Gimnazio de Olga Filipi por knabinoj, antaŭ 200 knabinoj; tondra aplaŭdo, grandega intereso flanke de la ravitaj lernantinoj montris, ke la nigra samideano plene sukcesis. — Per tio ni ankaŭ devas danki al nia lerta aranĝanto s-ano Zieliński, kiu per sia senlaca laboro por la sukceso, multe helpis dum niaj aranĝoj. — Vespere kolektiĝis niaj esperantistoj en Kafejo Szkocka, por pasigi kelkajn agrablajn horojn en la societo de nia nigra amiko.

**LUBLIN.** Unumonata perfektiga Esperanto-kurso, gvidita de UEA. Delegito finiĝis kun bona rezulto. Lastan 1½-horan lecionon plenigis mallongaj prelegoj de la kursanoj je libervolaj temoj. Tondraj aplaŭdoj flanke de la aŭskultantaro estis plej bona esprimo de ilia kontento. Post finiĝo de tiu publika ekzameno estis farata grupfotografiĝo de la novbakitaj esperantistoj en „atelier — Bernardi" ĉe str. Krak. Przedm. 60.—. 30. IV. k. j. en Popollernejo Nr. XIII. ĉe str. Okopowa okazis Ĝenerala Jarkunveno de Pola Esp. Asocio Filio en Lublin. Post jarraportoj de: Estraro, Revizia Komisiono, Bibliotekistino estis elektata nova estraro, en kies konsiston eniris: s-ro Ludwik Leszczyński — Prezidanto, f-ino Marja Dąbrowianka — Vic-Prezidanto, s-ro Czesław Pruski — sekretario, s-ro Stefan Bekiesza — Kasisto, f-ino Krystyna Obroślińska — bibliotekistino, kaj f-ino Kamilla Adamkiewiczówna — estrarmembro sen difinita funkcio. — En la Revizian Komisionon eniris: S-ino Wanda Papiewska, s-ro Bohdan Drzewiecki kaj f-ino Jadwiga Paprocka. — Novelektita Estraro decidis oferi al L. K. K. de la V-a Poll. Kongr. Esp. en Lublin sumon 90 zł. por parte almenaŭ kovri deficiton, en kiu ĝi ankoraŭ baraktas. — Pro forveturo el Lublin de S-ro Wolk, S-ro K. Scibior kaj Gesinjoroj Jadwiga kaj Roman Chabiński oni faris komunan fotografiĝon de tuta P. E. A. grupo Lublin.

Gesinjoroj Chabiński Roman kaj Jadwiga baldaŭ komencos sian grandiozan piedir - vojaĝon ĉirkaŭ la mondo dum 8 jaroj kun helpo de Esperanto. — Lublina esperantistaro deziras al la bravaj geedzoj sukcesan kaj sanan revenon en 1941 jaro.

**WARSZAWA.** Pola Studenta Esperantista Societo farinte en februaro kaj marto ioman propagandon inter studentaj rondoj, malfermis la 29-an de marto sessemajnan kurson por komencantoj. La 13-an de majo ĝi aranĝis en Rondo de Estintaj Lernantoj ĉe Popollernejo Nr. 103 prelegon, kiun partoprenis ĉirkaŭ 30 p. Prelegis s-anino Alina Czerwińska je temo: „Esperanto kaj utiloj pere de ĝi". La prelegon ĉeestis bone konata kaj tre ŝatata de ĉiuj varsoviaj esperantistoj la sveda s-anino Siri Backman, kiu multe helpis en la propagando, invitante la aŭskultantaron al XXVI Universala Kongreso, okazonta en Ŝtokholmo en 1934. Rezulte de la prelego estas malfermita la 24-an de majo nova kurso por komencantoj. Gvidas ĝin s-anino Halina Weinstein. La 21-an de majo okazis Ĝenerala Jarkunveno. Post detalaj raportoj de la Estraro kaj de la Eldona Sekcio oni elektis la samajn Estraron kaj de la Eldona Sekcio oni elektis la samajn Estraron kaj Revizian Komision kun tre malgrandaj ŝanĝoj. La Estraro konsistas el ges-anoj: Mieczysław Trochimowski, Aleksander Nietupski, Halina Weinstein, Alina Czerwińska, Edward Kotlicki. La Revizian Komisionon eniris gesanoj: Janina Burkath, Marja Zarzycka kaj Edmund Jaraczewski.

**WILNO.** La ĝis nun aparte ekzistintaj en nia urbo esperantistaj grupoj en decembro 1932 j. okaziĝis tri komunajn kunsidojn sub la prezido de K. Gerŝater (del. U. E. A.) kaj rezulte de la interkonsiliĝoj ĉiuj Vilnaj esperantistoj unuiĝis en unu societo s. n. „Vilna Esperantista Societo „Universo"". Estas elektita komitato konsistanta el jenaj samideanoj: Dro A. Gurviĉ prezidanto, K. Gerŝater — vicprezidanto, A. Brudno — sekretario, S. Ŝik — kasisto, M. London — bibliotekestro, prof. D. Fajnŝtejn kaj fraŭlino E. Ŝindelman. Krom la komitato estas starigita intergrupa konsilantaro konsistanta el 8 personoj. Plej gravaj aferoj estas submetataj al la kompetenteco de plen-komitato konsistanta el ĉiuj membroj de

la komitato kaj konsilantaro. Komunaj klubkunvenoj okazas ĉiulunde kun diversenhava programo sub la gvidado de s-roj: D-ro A. Gurviĉ, K. Gerŝater, prof. D. Fajnŝtejn, S. Ŝik k. a. En aprilo n. j. komenciĝis supera kurso por progresintoj sub la gvidado de s-ro K. Gerŝater. — En februaro vizitis nian urbon la negro samideano Kola Ajayi, kiu prelegis en la salono de la realgimnazio. La prelegon pofraze tradukis judlingven S-ro K. Gerŝater. La vespero havis grandan sukceson. Sub la influo de kelkaj samideanoj partoprenintaj ekskurson de „Vilbig" (Vilna juda kleriga societo) al la ĉi-tiea lernejo por blinduloj la lernantoj kaj instruistaro ekinteresiĝis pri Esperanto. Fondiĝis speciala kurso por blinduloj gvidata de K. Gerŝater. La blinduloj lernas Esperanton kun eksterordinara intereso kaj bonege sukcesas. **ABO.**

**K o r e s p o n d a d o.**

Mi deziras interŝanĝi eŭropajn kaj ekstereŭropajn poŝtmarkojn. Mi donas pm. de Polujo kaj de aliaj ŝtatoj. **Feliks Wodecki, fervojoficisto, Kraków, Miechowska 4. Pollando.**

**Pola Esperanta Klubo en Krakovo volas korespondi kun iu alilanda societo. Kraków — Str. Smoleńska 9. Polujo.**

---

Jus aperis: **S. G r e n k a m p:**

**POLA FOLKLORO KAJ POPOLKANTO**

kun 10 muziknotoj kaj 8 bildoj ekstertekste; antaŭparolo de Un. Prof. Z. L. Zaleski
**Prezo afrankite:** zł. 2.70 Poŝtĉekkonto: Kraków Nr. 400.821.

# KOMUNIKOJ DE P. E. D.

Kraków, la 15. de junio 1933.

La VII. Konferenco de P. E. D., okazinta dum Pentekosto en Warszawa venigis nur nemultajn grupojn apartenantajn al P. E. D., tial ĝiaj decidoj devas esti tiamaniere konigitaj al tiuj, kiuj ĝin ne ĉeestis.

**Plena Komitato de P. E. D.** Dum la Konferenco aŭdiĝis plendoj, ke la komitatanoj ne scias manieron de kunlaboro kaj aliflanke, ke ili ne estis en kontakto kun la centro. Ĉiu komitatano volante kunlabori povas senĝene turni sin al la Ekzekutiva Komitato, kiu donos necesajn indikojn. Por urboj, kie troviĝas kelkaj komitatanoj elektis la Konferenco personon, kies tasko estos kunigi ĉiujn komitatanojn kaj gvidi la laboron.

**Aliĝo al U. E. A.** La Konferenco decidis aliĝi al U. E. A. reorganizita laŭ interkonsento de interesitaj organoj dum la konferenco en Genève. U. E. A. estas nun la sola centra organizaĵo de internacia movado. Detalojn pri tiu ĉi temo ni konigos en speciala artikolo, kiu aperos en unu el plej proksimaj numeroj de „P. E."

**La plebiscito.** La laboroj por la plebiscito ne estos ĉesigitaj, kontraŭe la plebiscito devas nun esti pli energie daŭrigata. La rezultoj ne estas ĝis nun konataj, sed ni scias, ke en 19 urboj ĝi estas efike gvidata. Restis ankoraŭ multaj urboj, kie la agado ankoraŭ ne estas komencita. Tial ni alvokas ilin al la laboro! Por plifaciligi ĝin ni ripetas mallonge la principojn, kiujn ni fiksis en nia cirkulero de 15. XII. 1932. La plebiscito baziĝas sur du principoj: 1) nombra kaj 2) kvalita. La unua celas kolekti multon da subskriboj, la dua atentas ne nombron sed kvaliton t. e. gravecon, influon aŭ postenon de la subskribanto. Krome tre utile estas akiri subskribojn de neesperantistaj societoj. Speciale gravaj estas subskriboj de instruistoj kaj iliaj organizaĵoj. La procedo povas esti diversa; plej simple estas disdoni foliojn al grupanoj, kiuj kolektos subskribojn inter siaj konatoj. Oni povas aranĝi specialan prelegon kaj tiam kolekti subskribojn inter la ĉeestantaro. Pro unuecigo de la agado postulu presitajn de P. E. D. foliojn. Sur ĉiu folio povas esti nur 50 subskriboj. Ili devas esti legeblaj, enhavi titolon, oficon kaj detalan adreson de la subskribanto. La plebiscitfolioj estas riceveblaj kontraŭ repago de presadkosto t. e. po 5 groŝoj por folio ĉe P. E. D. Pri la ĝisnunaj rezultoj de la agado bonvolu nin informi.

**Esperanta semajno.** P. E. D. organizas en la tagoj de 16. — 21. de oktobro k. j. en tuta Pollando „Esperantan Semajnon". Por unuecigi la agadon ni fiksas jenan programon. En la tagoj de 9. — 16. de oktobro t. e. antaŭ la „Semajno" aperigu notojn en loka gazetaro pri la „E. Semajno". En la komenco aperu afiŝoj kun programo, kiu aspektus jene: I. tago — akademio por esperantistoj, malfermo de ekspozicio esp., II. tago — prezentado, III. tago — muzika vespero kaj

esp. poezio, IV. tago — laŭvola (event. ripeto de prezentado), V. tago - diskuta vespero pri Esperanto (pole), VI. tago - dancvespero, VII. tago - lotumo. Dum la „E. Semajno" okazu en ĉiuj mezlernejoj prelegoj pri E. kaj komencu kursojn. Ĉiutage disdonadu flugfolion kun programo de „E. Semajno". Krom tio estos eldonita speciala broŝuro. Ni petas la grupojn jam nun pripensi eblecon de aranĝo kaj fiksi la programon adaptitan al lokaj cirkonstancoj. P. E. D. prizorgos dissendon de la broŝuro post kovro de la presadkostoj. Ni petas anonci kiel eble plej frue sian aliĝon al la „E. Semajno" - agado.

**Aliĝo al P. E. D.** Ni denove devas konstati, ke multaj grupoj restas ankoraŭ ekster P. E. D. Estas superflue ripeti, ke de la forta P. E. D. dependas la stato de Esperanto en Pollando. Ne hezitu aliĝi kiel eble plej rapide al P. E. D.!

**Kotizo.** Laŭ decido de la Konferenco en Warszawa la kotizo por P. E. D. estas plialtigita ĝis 10 groŝoj monate por ĉiu membro. La kaŭzo de la plialtiĝo estas aliĝo de P. E. D. al U. E. A., al kiu P. E. D. devas pagi por ĉiu sia membro sfrs 0.50 jare. Por la jaro 1933 estas farita kun U. E. A. kontrakto, tial la ĝisnuna kotizo po 5 groŝoj validos ĝis fino 1933. Post 1. e. de la januaro 1934 la kotizo jam validos en alteco decidita dum la Konferenco. Antaŭ tiu ĉi dato ni publikigos ĉiujn detalojn rilate al la kondiĉoj. Nun ni alvokas ĉiujn grupojn pagi la kotizon, kiu de kelkaj grupoj restis nepagitaj de kelkaj jaroj. Iu ajn laboro sen mono ne estas ebla! Ĉiuj riproĉoj kontraŭ P. E. D. estas tial nejustaj, se mankas mono por kovro de plej necesaj elspezoj. La monon transpagu al nia kasisto: J. Alfus, Słoneczna 31 (P. K. O. 408.066).

**Esperanta Biblioteko.** Dum la Konferenco en Warszawa ni raportis pri fondo de Esperanto Biblioteko en Kraków, lokita en la bibioteko kaj legejo de Industria Muzeo (Smoleńsk 9). La Industria Muzeo kiel urba posedaĵo oferis specialan lokon por tiu ĉi celo, fondante tiamaniere specialan esperantan parton en sia biblioteko. Ĝis nun oni envicigis dokumentojn de la Universalaj Kongresoj de 1912 kaj 1931, kelkcent librojn kaj pli ol cent jarkolektojn de diversaj esp. gazetoj. Ni petas ĉiujn esperantistojn pri libervola oferdono de esperantaĵoj, kiuj multfoje neuzitaj perdiĝas kaj kunigitaj en unu konvena loko fondos taŭgan fonton por ekkoni esp. movadon. Do ekagu! **Ekzekutiva Komitato de P. E. D.**

# SPORTO KAJ TURISMO

## „NE TRO GRANDA KONTRAŬULINO..."

**(Intervjuo propra de Pola Esperantisto kun Jadwiga Jędrzejowska)**

Jędrzejowska en Krakovo. Vere mirinde hazardo, ke tiu fama Krakovanino, estanta gasto en sia hejmo, pasigas iomete da tempo en Krakovo. Tute do komprenebla, ke mi ne povis ne ekuzi tiun okazon por interŝanĝi kun ŝi kelkajn vortojn.

Kiam mi alvenis A. Z. S. — tenisplacon, ŝi finis ĝuste partion. Bonege — mi ekpensis kaj tuj mi estis ĉe ŝi. Mi prezentiĝas. Kiam ŝi ekaŭdis, cetere pole dirite — „Pola Esperantisto" — ŝi faris unu paŝon malantaŭen kun iomete mirigita mieno. Sed tuj ĉio jam estis en ordo.

— Vi revenis fraŭlino antaŭ nelonge de Londono. Vi oftege estadas eksterlande. Ĉu vi konas multe da aliaj lingvoj?

— Jes — iomete. Germanan, parte francan kaj anglan.

— Nu, mi pensas, ke vi ne tro rapide ilin ellernis.

— Estas vero. Kaj ankoraŭ mi ne konas ilin tro bone. Tiujn lingvojn mi komencis lerni en lernejo kaj nun mi nur kompletigas miajn konojn. Ah — tiel! Nun mi komprenas. Vi volis min alproksimigi al afero de tiu via lingvo esperanto. Bone. Mi iomete aŭdis pri ĝi. Sed ĉu tio estas prava...

— Permesu fraŭlino, ke mi interrompos. Tiu problemo jam estas solvita. Hodiaŭ ni povas nur konsideri, ĉu estas eble enkonduki esperanton en ĉiujn vivfakojn, de tuta vivo? Ekzemple kion vi pensas pri sporto esperantigita.

— Vere tio estus tre bone, se ni, sportuloj, apartenantaj al unu granda sporta familio povus interkompreni per unu lingvo. Vi pravas sinjoro. Tio estus ne nur tre simpatia sed ankaŭ tre utila. Vere tia lingvo helpus al mi en mia laboro kun alilandaj sportinstruistoj. Mi povus kun ĉiu interparoli ne lernante aliajn ligvojn. Sed, jes — ankaŭ esperanton oni devas lerni kaj fine, kiel mi aŭdis, esperantistoj estas tre malmultaj.

— Nu, vi povas esti trankvila, fraŭlino. Esperantistoj ne estas tiel malmultaj, kiel vi opinias.

— Bone! Se mi scius, ke tiu afero sukcesus mi mem eklernus tiun lingvon.

— Nu, fraŭlino, ne sufiĉas tiamaniere pensi. Ĉiu diras, ke li eklernos, kiam ĉiuj konos esperanton. Ni ne povas atendi aliajn. Ĉiu pensas por si mem.

— Sed sinjoro. Mi ankoraŭ neniam aŭdis tiun lingvon. Bonvolu diri kelkajn vortojn esperante.

Kompreneble, ke mi ne preterlasis tiun okazon.

— Belege ĝi sonas. Oni aŭskultas ĝin kiel ion iam konatan. Eĉ ne konante la lingvon oni povas ĝin ekkompreni. Mi tre ĝojas, ke mi povis kun vi tiel agrable paroli pri tiu afero.

En tiu momento oni alvokis nian faman sportstelon al la tenisplaco.

Nu, mi pensas, ke mi ne estos tro granda kontraŭulino de esperanto. Kaj se mi havos iomete da tempo vintre... La atendanta kunludanto komencas malpacienciĝi. Sinjoro, kion signifas esperante „dowidzenia"?

— Ĝis la revido.

Forta manpreno. Mi sufloras: Ĝis la revido.

Kaj nia plej bona tenisludantino komencis novan tenispartion prepariĝante por novaj venkoj en Parizo kaj Wimbledon.

Ĝis la revido post venko! **Z.**

# EL LA GAZETARO.

**A vida social** (Lisbona, Portugalujo) publikigas en la n-ro 21 la paroladon de nia samideano **Saldanha Carreira** del. de UEA, faritan per radio la 19 de majo dum la tago de bonvolo, responde al la deziro de bonaj infanoj de Kimrujo. La bonaj infanoj de Portugalujo aprobas la ideon de la tuta homaro. La Portugala teritorio de UEA dissendis la inviton al la paca manifestado en lokaj lernejoj de Lisboa, Porto, Koimbra.

Bulteno de Ĉeĥoslovaka As. Esp. N. 2. Red. Dr. S. Kamaryt kaj Dro Pitlik Praha XIX Uralske Namesti 447. Nia nigra samideano Kola Ajayi parolis jam en 11 urboj kaj parolos ankoraŭ en 9 urboj de Ĉeĥoslovakujo. Post la reveno el la prelegvojaĝo al Balkanaj landoj s-ano Ajayi faros duan prelegciklon. — Ĉiusabate okazas en Brno regulaj radiodissendoj je la 17,50 — 18 h.

---

La plej proksima n-ro de P. E. aperos en unuaj tagoj de julio, tial ni petas niajn kunlaborantojn pli frue alsendi al ni artikolojn. La postferia n-ro aperos en unua duono de septembro.

Pro la okazonta la 28-an kaj 29-an de junio festo de la maro —la plej proksima radio-prelego ne povos, bedaŭrinde, laŭplane okazis. Ne havante ĝis nun definitivajn informojn, ĉu niaj klopodoj alportos bonan rezulton, kaj ebligos alitagan prelegon, ni povas nur sciigi, ke la plej proksima prelego okazos la 12 VII je la 22 h. — precize.

**GRAVA INFORMO EL TALLIN.**

X. Tutestonia kantofesto ĉe radiodisaŭdigoj de koncertoj kun 20.000 kantantoj kaj muzikistoj okazos la 23, 24 kaj 25 de junio je 15 h. Ondlongeco 298 m.

---

PRZEDSTAWICIELE — REPREZENTANTOJ:

Białystok — Esperanta Societo Zamenhofa, Polna 4.
Katowice — Societo de Esperanto Amikoj, Wawelska 3.
Paryż — S. Grenkamp, 117. Bd. Jourdan.
Warszawa — Pola Stud. Esperantista Societo, Leszno 99. m. 5.

PRENUMERATA: rocznie zł. 8.—, półrocznie zł. 4.— Dla Towarzystw i grup espar. (przy przesyłce najmniej 5 egz. pod jednym adresem) prenumerata roczna zł. 6.— Zagranicą: 1 dol. Numer pojedynczy zł. 0.70.

ABONO: jare zł. 8.—, duonjare zł. 4.—. Por societoj kaj grupoj esperantistaj (ĉe sendo de minimume 5 ekz. al unu adreso) jarabono zł. 6.— Eksterlande 1 dolar. Aparta numero zł. 0.70.

OGŁOSZENIA: 1/2 strony zł. 30.— 1/4 strony zł. 15.— 1/8 strony zł. 10.— Korespondencja: małe ogłosz. z 10 słów (prócz adresu) zł. 1.—

ANONCOJ 1/2 paĝo zł. 30.— 1/4 paĝo zł. 15.— 1/8 paĝo zł. 10.— Korespondado: anonceto de 10 vortoj (krom adreso) zł. 1.—

REDAKCJO KAJ ADMINISTRACJO: KRAKÓW, LUBICZ 34. KONTO P. K. O. NR. 406.660

Drukarnia L. Gronusia i Ski, Kraków, ul. Stolarska 6.

Redaktor odpowiedzialny Juljusz Kriss.